# PENSEO

N-ro 229

nov. / 2010

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 21-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## PETAR PRERADOVIĆ

## (1818-1872)

### LA MARO

Maro bela, maro dia,
ĉie vi, la idilia,
kiel la destin'!
Al iu lulil' vi estas,
al iu la fin'.

Ĉiel' ĉie, ĉiel' ardas,
ĉiel' kie ni rigardas,
en marvasta pel',
sur ĝi blankaj papilioj
ie-tie vel'.

Kiam vent' sur vi promenas
kaj koleraj ondoj venas
furiozas duŝ',
centkapa vi 'stas leono
via fundo - buŝ'.

Vi respondas per blekego
homojn regas la timego
dum via brueg',
horor' sekvas la ondadon
la puŝojn fulmeg'.

## GRIGOR VITEZ (1911-1966)

### MINISTO KAJ LA MARO

Kie ŝutiĝis ond' kristala
Al rif'; arĝenta krias dist',
La mevo kriĉas en golfo pala
Al mar' alvenis la minist'.

Tra lia orel' resonas vaga
Bruo el la mineja fund'
Okuloj blindas en lumo taga
Pro nigra karbo el profund'.

En suna flanko etendas manojn
La nigra fosanto kun karba flaro
Rigardas forojn. Aŭskultas sonojn
Okulojn liajn banas la maro.

*Tradukis el la kroata:*



## Josip Pleadin(Kroatio)



## Mikaelo Bronsxtejn



## (Rusujo)

*Finaŭguste mi ĝuis partoprenon en la Itala Esperanto-Kongreso en Linjano.*
*Tiu semajno donacis al mi multajn agrablajn kaj neforgeseblajn impresojn, kiuj iom post iom transformiĝas en la poemojn. Jen estas unu el la jam pretaj:*

### Pasta

Tage kaj vespere al restoracio
iras ni por manĝi kun fiera scio,
ke la plado nepra, fasta kaj malfasta,
estos ja sendube senevita *pasta*.

Kio estas *pasta*? Ĉio estas *pasta*!
De la tag' unua ĝis la tago lasta
al makaronioj, kukoj kaj nudeloj
nun stomakoj niaj estas plenfidelaj.

Parmezan' raspita, saŭco melongena,
fiŝoj kaj viandoj – ĉio tre bonvena
ĉe la ĉefa plado grava kaj bombasta,
en la kompilado kun reganta *pasta*.

Ĉiopova pasta, la nutraĵo drasta!
Svarmas sinjorinoj kun la haŭt' elasta,
mamoj reliefaj, ventroj sate ŝvitaj,
kaj pugetoj pufaj, ege apetitaj.

Eĉ la sun' ĉi tie ŝajnas nun pli vasta,
pro l' efik' magia de la sorĉa *pasta*!
Floroj odoregas, fruktoj sukoplenas, -
eble ĉion tion same *pasta* benas…

Edenece logas ĝis la lipomordo
pompaj nudaj korpoj ĉe la mara
bordo.
Ĉu pensado mia povas resti ĉasta?
Pelas ondo ondon: *pasta, pasta,*
*pasta*!

23.08.2010

## Carlos Drummond (1902-1987)

### Pluvoza afero

Agace pluvo min igis anksia
ĝis mi malkovris: pluv' estas Maria!
Maria pluvis gute tie, ĉie
trempante la dimanĉon ĝisebrie.

Miajn ostojn mokris, ŝi lasis min
kiel teron pluvpluge for sen fin'.
Mi senverda iĝis, iĝis tutkota...
Maria pluvoplene eghipnota!

Sur min ŝi pluvis, sur ĉiun geston,
penson, deziron, songôn kaj la reston.
Pluvetpluvis ŝi ade, pluvis dike,
kaj tage, kaj nokte, ĉiam... apike!

Min ne pluvu, Maria, pli ol limo
de tujpluveto: pluv' apenaŭ timo.
Ne min inundu per via likv' plasma,
ne estu akvul' tia kataplasma!

Vane tion mi diris... ĉar Maria
al petoj spite pluvis aluvia.
Kaj senkompate en duŝa rutino
mian vojon banis en trista vino,

kiu ne varmigas tial ke pluveroj
el cindro mostas, kaj ne el vinberoj.
Pluvadema Maria, pluvadaĉa,
pluviĝinta, fipluva, pluvoplaĉa!

Mi kriis: Haltu! kaj ŝi daŭre pluve
frostajn flakojn teksis elmemefluve.
Tiom Maria pluvis miadome,
ke la torento kreskis pliolhome,

kaj river', aŭ mar', io kun profund'
formis sin por mi, mi iris ĝis fund'.
Kaj kiom pli min ondoj portis for
Maria pli fontumis, ĝis furor',

kaŭzante, ke, sen multo, por eliro
l' aferoj simple iris laŭ kirliro,
kaj l' mondo jen humida, en sorbiĝo,
sub perverse fatala pluvporiĝo.

Plej strangaj uloj laŭamasiĝadis
en sama past' akvoza, kaj klamadis
kontraŭ tiu stulta pluv', pluv' sen fin',
en disfal', kvazaŭdiluva (pluvin'!)
Kantikoj porhaltigaj laŭtis ĉie,
sed ho! des pli deliras akvo plie,
kaj Maria, senbrideksploda krano,
pli dilatiĝas en sia emano.

Ŝipoj sinkadas. La kvin kontinentoj
jam subakviĝas kun ĉiuj la gentoj,

kaj Maria: je pluv'. Por ekvilibr'
de fluidvanua homa tutfibr',

de l' ter' senforta antaŭ l' pluvatenc',
la Dia kortuŝiĝis Providenc',
kaj Di' kompatreagis per nur kri':
P l u v ĉ e s u M a r i a! - Kaj ĉesis ŝi.



esperantigis

**Wel (Brazilo)**



## Anna Karlik (Hungarujo)



## Milda Konfeso

Detempe scias
jam la tuta mond':
sekreto mia
valoras pli, ol
brila diamant'...

Kvankam trezorojn
ne plej konvenas
kolekti sur l' Ter',
mi konfesas en
ĉi tiu leter':

Tiun belegan
propran, animan,
ĉiam validan,
la dorlotatan
kaj unuuran,

mian, trovitan,
mi iam , tiam,
ne gravas, kiam,
kunportos tamen
suben de la ter'!

## Mi estas kulpa

Ja simpla virino
kvankam mi nur estis,
mian homan koron
dia am' ekregis.

Kutimas okazi
tiaĵ' unuoble,
daŭras ĝi tamen
jam tuta vivlonge.

Mi ekkonis foje
lin antaŭ kvin jaroj,
tiam okazante
pedagog'aj tagoj.

Vane ĝi estas jam
plejeble pura am',
eksonis en iu
la timiga alarm'.

Vekiĝis per tio
"Verdokula Monstro",
(ĵaluzon ne venkus
eĉ plej bona pastro!)

Estas kompreneble,
Ŝi , ho, kompatinde,
ofendiĝis ege,
vere, bedaŭrinde!

Miaj versoj, sentoj
jes, ja ofendis ŝin...
Mi petas vin , provu
iel pardoni min!

## Erzsébet Tuboly (Hungarujo)



## Hajkoj pri junia vetero

Junia frosto
Triste tremas la plantoj
Suno sin kaŝas

Tridekkvar gradoj
Svenas plantoj, la natur'
Pluvon sopiras

Pluvas, pluvegas
Jen ĉielaj kanaloj
Elverŝas akvon

Pluvas, pluvegas
La vento furiozas
Arbojn kuŝigas

Pluvas, pluvegas
Ŝtonoj en akvon dronas
Etas la homo

Pluvas, pluvegas
Inundo ĉion kovras
Sunon ni sopiras



## Helena Tylipska (Italujo)



### Ventorozo

Blovas la vento
el okcidento,
portas nubon kun pluvo.
Blovas vent' norda,
elfjorda,
portas neĝan kovrilon.
Blovas la vento
el oriento,
kaj kunportas incenson.
Blovas vent' suda,
dezerta
kun lamento infana,
ĉar mortis patrino
...kaj infano senpana...
Blovas la vento el okcidento.
Blovas vent' norda, elfjorda.
Blovas la vento el oriento.
Blovas la suda kun lamento.

## Ferenc Jáki (1919-2010)



### Aŭtunaj matenfloroj



Kun suno glori,
Kun sun' deflori,
Vivi dum tago,
Vespere morti,
Kaliko ĝermas,
Kalik' sin fermas,
Ne konas nokton,
Tage prosperas.
Simbolo: jen mi
Tiel atendi
Devas la finon:
La sunsubiron.
Flamu nur vivo
Mia en brilo,
Blinde ne vagi,
En nokta ravino.

*esperantigis*



## VICI László

## (Hungarujo)

## István Vas (1910--1991)

### Kiam la rozoj ekodoris

Ĉu vi memoras? kiam rozoj ekodoris
ne plu estis ni jam junaj –
la domon tombokrucoj ĉirkaŭfloris;
en kor' mortintoj kunaj.

Ni sciis: nur ŝtelaĵo la feliĉo,
kvankam edzo kaj edzino
rigardas, kiel pompas la rozuja riĉo,
ame en animo.

Griziĝis multaj viaj haroj tiujare –
memoru! kaŭzoj gregis.
Sed kiu restis nigra, tiu malavare
pli ol iam brilegis.
Al vi en la okulojn, ĉi spegulojn de admiro
rompitajn lumojn kaŝis la teruro,
kaj konfuziĝis tie la purverda brilo,
sed pli dolĉis ĉi nebulo.

Matene ni vekiĝis kun jubilego pia,
vi pro l' ĝarden', mi pro vi –,
kaŝiĝis milde dum tiu somero nia
Anglio, Veneci'.

Kiel aldonon strangan, danĝeran foran foron
la morgaŭon ni suspektis –
tiusomere estis: al vi en la koron
la vintra vent' sin plektis.

Antaŭe estis por ni pli gajaj someroj,
memoru! sed bela ĉi solis.
En la ĝardenon klinis sin la mutaj tombejoj,
kiam la rozoj ekodoris.

*Esperantigis*



**Imre Szabó**

**(Hungarujo)**



## Ĉineske

***Yumeiren (Belulino Yu)***

*ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 7,5; 7,9; / 7,5;7,9; silaboj kun para rimo.*

**Cindy Mckee (Usono)**



### Oktobra ŝtormo

Per vento de decembro
en basa tembro
la vintro esprimiĝas.
Al oktobro ĝi proksimiĝas.

Gajaj folioj flirtaj
momente hirtaj
kvazaŭ timplena arbo—
tondita unuopa garbo.



**Vejdo (Ĉinio)**



### Cembro en vintro

jam en frosta decembro
la norda cembro

des pli junverda iĝas
pro fridrezisto ĝi prestiĝas

ĝi sin en vento flirta
tenas bonvirta
ŝmirita per neĝ-farbo
ĝi restas nefleksebla arbo



## Cindy Mckee (Usono)

### Frua frosto

Seniĝas nun novembro
kiel jarmembro.
Mi treme ektimiĝas
al frosto ni jam viktimiĝas.

Nun bravas nur la mirto
en verda virto.
Desperas eĉ la barbo
de sur la dando, ruĝ-rabarbo.

## Vejdo (Ĉinio)

### Templo sur monto

sur monto staras templo—
budha ekzemplo
mi oferon dediĉas
sincera koro jam sufiĉas

blovas la vento milda
al templo bilda
kaj majesta sur l' alpo
karesas ĝin per softa palpo



## Eto (Ĉinio)

### Decembra vintro

la vintro en decembro
jame kun tembro
trista venta fariĝas
la monteĝoj blanke negliĝas

bestoj en loko ŝilda
kun ronko milda
jam kalvas bruna arbo
ekmutas la rivera harpo

## Cindy Mckee (Usono)

### Ĉekamena kontemplo

Ĉekamena kontemplo
Sur monto, rododendro,
en domo, fendro.
Ekzisti memsufiĉe,
Ekzisti labile kondiĉe.

Fenestre estis birdo.
De ĉambra mildo
notis homa hazardo
inter la glacio kaj ardo.



## Lily (Ĉinio)

# Interŝanĝado de edzinoj

—laŭ ĉineska skemo Pusaman*
mi kaj l' edzo laŭ invit'
iris al bal' kun ekscit'
en hal' malhela
etos' pelmela

jen paro post par'
ekdancis sen bar'
laŭ flua muzik'
en ton' de lirik'

l' edzo ĉirkaŭprenis min
fole dancis kun kapklin'
tiel ebrie
kiel pasie

ĉe mia orel'
per ton' miela
li flustris, "kara,
fraŭlin' najbara

jen edzin' de l' amiko.
en sekvanta muziko
mi dancu kun ŝi,
prezentu al vi

sian edzon jen
kun energiplen'
ĝentilan, ŝikan
sane fortikan."

mi respondis konsente
ĉar ŝanĝos evidente
li ja per manovr'
edzinon per kovr'

muzik' reekis
dancadon vekis
aliris al mi
komplezeme li

altiris al sia sin'
li intime kun obstin'
mi sentis vere
malpion pere

pro nia korpglu'
eĉ lia spirflu'
bloviĝis al vang'
mia el la lang'

li anhelis senbride
batis la kor' rapide
pro kares' de mam'
softa mia jam

sub la pantalon'
kvazaŭ laŭ ordon'
erektis la kac'
kun granda aŭdac'

tio tiklas min tente
mi sentis ĝin frekvente
la piĉ' sendube
malsekis sube

pliiĝis ekscit'
al tuja koit'
kvazaŭ fajra brul'
ardis en ventlul'

kiseton al mia vang'
li donis dum danca tang'
diris balbute
li postminute

"mi volas vere,
kaj vi prefere?"
"ne, mi perfidas
se mi avidas."

"via edz' jam konsentas

ke aprobe silentas
vi kun volonto
sen ajna honto.

via edzo nun
eble en mallum'
kun mia edzin'
en ĝoja fascin'."

li tiris min per forto
al pli amuza sporto
post hala kurten'
li agis sen ĝen'

li senvestis min
nure ĝis bikin'
kuŝigis min jam
sur mola tatam'

li lertis en lekado
lia lang' en nomado
iris de l' kolo
ĝis maleolo

mia ja sen ĉes'
sub langa kares'
mi ardis jame
trakorpe flame

li al mi montris dikan
lian kacon fortikan
brilan kun sango
duran sen tango

mi kriis ĝeme
tordis treme
mi veis pete
jam malkviete

li deŝiris subite
la bikinon ekscite
jam senĝentile
eĉ malhumile

li violente
jen ĉimomente
ŝovis plenforte
kacon komforte

li piŝtis fojrefoje
ĝemkriis laŭte ĝoje
ŝpruca varma flu'
puŝis nin al ĝu'

kolapsis tuj li
pasis la pasi'
ja kia frenez'
je mia aprez'

mian edzon renkontis
mi kaj enkore hontis
tamen trankvile
li fajfis trile

jame kontente
ĝuis senpente
kun lia edzin'
en gea kulmin'



**Pusaman (budhista dancisto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 4 versoj de 7,7;5,5; / 5,5;5,5 silaboj kun para rimo*

## Niuniu (Ĉinio)

# Impreso pri aŭtuno

—laŭ ĉineska skemo Shaonianyou*

en mara pens' profunda
mankas la bunta
riĉa kolor'
de printempa

la ter' fekunda

sur la ĉielo blua
mankas hirunda
ĉirpa kverad'
kaj fulma frap'
kun tondr' mult-runda

en la kanto aŭtuna
la forto suna
feblas plie
ne videblas
la vivo juna

ĉio volviĝas svage
per gazo bruna
tuj forpasos
la pejzaĝo
vivanta kuna

**Shaonianyou (ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 5 versoj de 7,5,445 /75,445 silaboj, laŭ rimarangĝo a,a,xxa / xa,xxa (x= senrima)*

## Vejdo (Ĉinio)

# Funebre pri s-ro Long Lu*

—laŭ ĉineska skemo Caisangzi**

ve, nin forlasis nia
frato Long Lu
sen spur', sen bru'
perdiĝinte en tempflu'

ni ja ne forgesos pri
viaj konstru'
kaj kontribu'
al l' E-movado sen sku'



s-ro Long Lu

**Kiel ordinara membro de Chongqing-a Esperanto-Asocio, sinjoro faris banalajn aferojn por nia afero, kiuj indas nian memorigon. La 12-an de oktobro de 2010, li forpasis pro pulma kancero.*
***Caisangz (moruskolektanta knabino): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po kvar versoj de 74,4,7 silaboj, laŭ rimarangĝo de xa, a,a. (x=senrima)*

## Maupassant (1850-1893)






*Al Henriko Céard*

Lastatempe oni legis en la gazetoj la sekvantajn frazojn :

« BULONJO ĈE MARO, je la 22a de januaro. – Oni skribas al ni :

« Forloga malfeliĉo ĵus estigis la konsternegon meze de nia mara loĝantaro, kiu estis dum tiuj du lastaj jaroj tiom multe afliktita. La fiŝista ŝipo estrita de la ŝipmastro Kloro, enirante en la havenon, estis alĵetita al uesto, kaj venis frakasiĝi kontraŭ la rokoj de la ondorompilo de la ĝeto. »

« Malgraŭ la klopodoj de la savŝipo, kaj la ŝnuroj pafsenditaj per la ŝnurelĵetilo, kvar ŝipanoj kaj la sipknabo pereis.

« La aĉa vetero daŭras. Oni timas novajn akcidentojn. »

Kiu estis la ŝipmastro Kloro? Ĉu li estis la frato de la unubrakulo?

Se la kompadinda viro, ruladita de la ondo, kaj mortinta eble sub la disrompitaĵoj de sia dispecigita ŝipo, estis tiu pri kiu mi pensas, li jam ĉeestis, jen nun ĉirkaŭ dek ok jarojn, al alia dramo, terura kaj simpla, tiel estas ĉiam ĉiuj forlogaj dramoj de la maro.

En tiu tempo la unuenaskita Kloro estis la ŝipmastro de trolŝipo.

La trolŝipo estas la tipa fiŝista ŝipo. Solida, ĝi ne timas ian veteron, kun ĝia ronda ventro, ĝi estas senĉese ruladata de la ondegoj kiel korko, ĉiam super la ondo, ĉiam vipata de la salaj kaj akraj ventoj de la manika Kanalo, ĝi laboras la maron, nelacigebla, kun la velo ŝveligata, kuntrenante flanke grandan fiŝkapatan reton, kiu skrapas la marfundon, malkroĉas kaj rikoltas ĉiujn dormemajn bestojn en la ŝtonoj, la platajn fiŝojn kusantajn sur la sablo, la dikajn krabojn kun hokaj piedoj, la omarojn kun pintaj lipharoj.

Kiam la brizo estas malvarmeta, kaj la hulo kvieta, la ŝipo ekfiŝkaptas. Ĝia retego estas fiksita tutlonge de granda stango el ligno garnita per fero, kiun ĝi lasas malsupreniri per du kabloj, kiuj glitas sur du bobenegoj ĉe la ekstremo de la boato. Kaj la ŝipo, drivante laŭ la vento kaj la fluo, kuntrenas malantaŭ si tiun aparaton, kiu difektas kaj ruinigas la margrundon.

Surŝipe, kun Kloro estis liaduenaskita frato, kvar ŝipanoj kaj unu ŝipknabo. Kiam ili eliris el la haveno de Bolonjo, la bela hela vetero estis favora por la trolado.

Sed, baldaŭ ekblovis la vento, kaj neatendita burasko devigis la trolŝipon al la forflugado. Ĝi sin direktis al la anglaj marbordoj; sed la movata maro batadis la klifojn, elĵetiĝis kontraŭ la tero, kaj neebligis la eniron en la havenojn. La ŝipeto reiris al la marvasto, kaj revenis al la francaj marbordoj. La ŝtormo daŭris, kaj igis la ĝetojn netranspaseblaj, envolvante per ŝaumo, bruego, kaj danĝero ĉiujn alirojn al la rifuĝejoj.

Denove la trolŝipo reiris al la marvasto, kurante sur la ondodorso, balancata, skuata, ŝvitanta de akvo, balaata per akvamasoj, sed tamen fortika, kutimiĝinta al tiuj veteraĉoj, kiuj iafoje devigis ĝin, vagi dum kvin aŭ ses tagoj inter ambaŭ najbaraj landoj, ne povante albordiĝi ajna haveno.

Poste fine la ŝtormo kalmiĝis, dum ĝi troviĝis marmeze, kaj kvankam la hulo estis ankoraŭ malkvieta, la ŝipestro komandis ĵeti la trolon.

Do oni elŝipen forĵetis la grandan fiŝkaptilon, kaj du ŝipanoj antaŭe, du aliaj malantaŭe, komencis disvolvi sur la bobenegoj la ŝnuregojn, kiuj tenis ĝin. Subite ĝi tuŝis la fundon, kiam alta ondo klinis la ŝipon. Tiam la duenaskita Kloro, kiu troviĝis ĉe la pruo, kaj stiris la malsupreniron de la retego, ŝanceliĝis, kaj lia brako ekkaptiĝis inter la ŝnuroj, kiu estis dum momenteto malstreĉa pro la skuo, kaj la ŝnuro glitis sur la ligno. Li malespere strebis por liberigi sian brakon, provante per la alia mano levi la ŝnuron, sed jam la trolo rastis la fundon, kaj la rigidigita ŝnurego tute ne cedis.

La viro kuntiriĝanta pro la doloro alvokis. Ĉiuj alkuris. Lia frato forlasis la direktilon. Ili impetis kaj tuj ekkaptis la ŝnuron, klopodante por liberigi la membron, kiun dispremis la ŝnuro. Sed estis vana peno. « Endas tranĉi », diris ŝipano, kaj li eltiris el sia poŝo larĝan tranĉilon, kiu povis, per du frapoj, savi la brakon de la duenakista Kloro.



Sed tranĉi estis ankaŭ perdi la trolon, kaj tiu trolo multvaloris, eĉ multege altvaloris, mil kvin cent frankojn; kaj ĝi apartenis al la unuenaskita Kloro, kiu tre domaĝis sian havaĵon.

Li kriis, kun disŝirita koro : « Ne, ne tranĉu, atendu, mi tuj lofos. » Kaj li kuris al la stirilo, por ekŝanĝi tute la direkton.

La ŝipo apenaŭ obeis, tiom ĝi estis bridata per tiu retego, kiu malhelpis ĝian ekantaŭiron, kaj kuntrenata cetere de la forteco de la tajdo kaj la vento.

La duenaskita Kloro lasis sin fali genuen, kunpremante la dentojn, kun la okuloj

senrigardantaj. Li nenion diris. Lia frato revenis, timante ĉiam tranĉilfrapon de maristo : « Atendu, atendu, ne tranĉu, endas ankri. »

Oni ĵetis la ankron, kaj disvolvis plene la ĉenon, poste oni ekĝiris per la vinĉo por malstreĉi la trolŝnurojn. Fine, tiuj ĉi malrigidiĝis iomete, kaj oni liberigis la inertan brakon de la maniko el lano sange makulita.

La duenaskita Kloro ŝajnis idiota. Oni demetis al li la laborjakon, kaj oni vidis hororan aĵon, kaĉon de karnoj, kies sango abunde elŝpruĉis, kiel se ĝi estus repuŝata per pumpilo. Tiam la viro rigardis sian brakon, kaj murmuris : « Kondamnita ! »

Poste, ĉar la hemoragio faris flakon da sango sur la ferdeko, unu el la ŝipanoj kriis : « Li tuj malpleniĝos, endas stringi la arterion. »

Tiam ili ekprenis ŝnureton, brunan gudritan dikan ŝnureton, kaj cirkaŭligante la membron super la vundo, ili plenforte streĉe ligis. Iom post iom la sangaj ŝpruĉoj ĉesis, kaj baldaŭ finiĝis komplete.

La duenaskita Kloro stariĝis, kun brako pendanta ĉe sia flanko. Li ekprenis ĝin per la alia mano, levis ĝin, turnis ĝin, skuis ĝin. Ĉio estis rompita, la ostoj frakasitaj; nur la muskoloj retenis tiun fragmenton de sia korpo. Meditante, li rigardis ĝin per malĝoja okulo. Poste li sidiĝis sur falditan velon, kaj liaj kamaradoj konsilis al li, ke li senĉese malsekigu la vundon, por preventi *la nigran malsanon* .

Oni metis plensitelon da akvo apud lin, kaj minuto post minuto, li ene elĉerpis akvonper glaso, kaj banis la hororan vundon, per flueto de klara akvo.

− *Vi estus pli bone malsupre* , lia frato diris al li. Li malsupreniris, sed post unu horo li resupreniris, ĉar li sin sentis tute sola kaj malkomforta. Kaj poste, li preferis plenaere resti. Li denove sidiĝis sur sian velon, kaj rekomencis akvumeti sian brakon.

Ili havis bonan rikolton de fiŝkaptaĵoj. La larĝaj fiŝoj kun blanka ventro kuŝis apud li, skuataj per mortspasmoj; li rigardis ilin, ne ĉesante malsekigi siajn dispremitajn karnojn.

Dum oni sin pretigis reveni al Bulonjo, nova ventekblovo furiozis; kaj la ŝipeto rekomencis sian frenezan veturadon, saltegante kaj rulfalante, skuante la kompatindan vunditon.

Eknoktis. La ŝtormo daŭris ĝis la aŭroro. Ĉe la sunleviĝo, oni ekvidis denove Anglion, sed ĉar la maro estis pli kvieta, boardante oni reforiris al Francio.

Ĉirkaŭ la vespero, la duenaskita Kloro alvokis siajn kamaradojn kaj montris al ili nigrajn spurojn, tute malbelan ŝajnon de putrado sur la membroparto, kiu ne plu tenis al li.

La ŝipanoj pririgardis, dirante sian opinion.

− Tio ja povus esti la Nigro, pensis ŝipano.

− *Supre tio, necesus sala akvo*, deklaris alia ŝipano.

Do oni alportis salan akvon, kaj oni verŝis ĝin sur *la malbonon*. La vundito fariĝis livida, grincigis la dentojn, iom tordiĝis, sed li ne kriis.

Poste, kiam la brulvundo mildiĝis: « Donu al mi vian tranĉilon », li diris al sia frato. La frato prezentis sian tranĉilon.

− Tenu al mi la brakon supren, tute rekte, kaj bone tiru ĝin.

Oni faris kion li petis.

Tiam li mem ektranĉis. Li tranĉis delikate, pripensante, tranĉante la lastajn tendenojn per tiu klingo akra, same kiel la tranĉrando de razilo; kaj baldaŭ li nur havis stumpon. Li eligis profundan suspiron, kaj deklaris: «Tio estis necesa. Mi estis kondamnita.»

Li ŝajnis mildiĝinta kaj forte spiris. Li rekomencis verŝi akvon sur la membropecon, kiu restis al li.

Dum la nokto la vetero estis ankoraŭ aĉa, kaj oni ne povis surteriĝi.

Kiam tagiĝis, la duenaskita Kloro ekprenis sian malligitan brakon kaj longe ekzamenis ĝin. La putrado ekis. La kamaradoj venis ankaŭ ekzameni ĝin, ili pasis ĝin unu la alian, de mano al mano, fingrumis ĝin, turnis ĝin, flaris ĝin.

Lia frato diris : « Nun endas ĵeti *tion* en la maron. »

Sed la duenaskita Kloro incitiĝis : « Ha! Sed ne, ha! Sed ne. Mi tute ne volas. *Tio estas al mi*, ĉar *tio* estas mia brako, ĉu ne ? »

Li reprenis ĝin, kaj metis ĝin inter siaj kruroj.

«Ĝi tuj putros tamen», diris la unuenaskito. Tiam la vundito havis ideon. Por konservi la fiŝon, kiam oni restis longtempesur la maro, oni konservisĝin en salbarelo.

Li demandis : « Ĉu ni ne povus meti ĝin en la peklakvon ?

– Tio estas vera », deklaris la aliaj.

Tiam oni malplenigis unu el la bareletoj, kiu estis jam plena de la fiŝkaptaĵoj de la lastaj tagoj; kaj oni metis la brakon tute ĉe la fundo. Oni ŝutis salon supre, poste oni remetis, unu post la alia, la fiŝojn.

Unu el la ŝipanoj malserioze parolis : « Nur ke ni vendos ĝin al la aŭkcio. »

Kaj ĉiuj ridis, krom ambaŭ fratoj Kloro.

La vento blovis ĉiam. Oni boardis ankoraŭ, ĉiam vidante Bulonjon, ĝis la posta tago je la deka matene. La vundito senĉese daŭrigis verŝi akvon sur sian vundon.

De tempo al tempo, li stariĝis kaj marŝis de la komenco ĝis la fino de la ŝipo.

Lia frato, kiu estis ĉe la direktilo, sekvis lin per la okuloj, balacante la kapon.

Fine oni eniris en la havenon.

La kuracisto ekzamenis la vundon, kaj deklaris ke ĝi estis ekcikatriĝanta. Li faris puran kaj kompletan pansaĵon, kaj ordonis al li ripozon. Sed Kloro ne volis enlitiĝi sen reakiri sian brakon, kaj li rapide reiris al la haveno por retrovi la bareleton, kiun li estis krucmarkinta.

Oni malplenigis ĝin antaŭ li, kaj li reprenis sian membron, kiu estis bone konservita en la peklakvo, kvankam sulkiĝinta, kaj kvazaŭ refreŝiĝinta. Li envolvis ĝin en tuko, kiun tiucele li kunportis, kaj li revenis hejmen.

Lia edzino kaj liaj infanoj longe ekzamenis tiun disrompitaĵon de la patro, palpante la fingrojn, demetante la salerojn kiuj estis sub la ungoj; poste oni venigis la lignaĵiston, por ke li faru malgrandan ĉerkon.

La postan tagon la tuta ŝipanaro de la trolŝipo sekvis la enterigon de la mortinta brako. Ambaŭ fratoj, flankon ĉe flanko, kondukis la funebron. La paroĥa sakristiano subakcele kunportis la malgrandan ĉerkon.

La duenaskita Kloro ĉesis la navigadon. Li obtenis etan laboron en la haveno, kaj kiam pli malfrue li parolis pri sia akcidento, li mallaŭte konfidis al sia aŭskultanto : « Se la frato volus tranĉi la trolon, mi havus ankoraŭ mian brakon, ververe. Sed li domaĝis sian havaĵon. »

*Je la 12a de februaro 1883*

*esperantigis*

**Nöel Lecomte**

**(Francujo)**

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ http://gazetejo.org/eo/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊